# La Bulteno

Numero 21 ❁ René de Saussure - Jaro 2018

ISBN 978 3 903247 21 5





Fragmento - Adriana Czernin

Ekspozicio en MAK ĝis la 30a de septembro 2018

## Intervjuo kun d-ro Salim Hadžić

Paĝo 11




# La Bulteneto

Numero 21 • Jaro 2018.

Eldonistoj: Renate kaj Walter Klag.

Redaktejo - eldonejo - presejo:
Rudolfinergasse 8/11, 1190 Vieno, Aŭstrio.
La cifereca versio estas senkosta.
Informoj pri la tarifoj de la presita versio kaj anoncoj:
esperanto@chello.at.

Papero: Mondi Color Copy 120 g m$^{-2}$.
Unverkäufliche, private Ausgabe – Nevendebla, privata eldono

Skriboj:
Calibri (teksto), Times New Roman (klarigo de la bildoj).

La paperan version ricevas donace:
Aŭstria Nacia Biblioteko, Vieno, Aŭstrio;
CDELI, La Chaux-de-Fonds, Svisio;
Germana Esperanto-Biblioteko, Aalen, Germanio;
Biblioteko Hector Hodler de UEA, Roterdamo, Nederlando;
Interkultura Centro Herzberg, Germanio;
Esperanto-Biblioteko “Ramon Molera Pedrals”, Barcelona, Hispanio;
Biblioteko de Esperanto-Societo Kebekia, Montrealo, Kanado;
aliaj bibliotekoj post peto.




Sur paĝo 1: Adriana Czernin: Sen Titolo, 2016
Courtesy Galerie Martin Janda, Vieno



# Fragmento
# Adriana Czernin

La ekspozicio „Fragmento – Adriana Czernin“ starigas ponton inter oriento kaj okcidento. La artistino Adriana Czernin uzis komponantojn de ligna panelo el la minbaro de Ibn Tulun-Moskeo en Kairo kaj aranĝis ilin en la formo de fenestrorozo (bildo 2). Daŭrigante tiun ideon ŝi realigis diversajn grafikaĵojn uzante geometriajn ornamaĵojn, kiuj estas por ŝi simbolo por kulturaj, sociaj kaj individuaj implikoj. Murpentraĵo, kiu etendiĝas sur vando ĝis supra volbaĵo, konsistas el nigraj, grizaj kaj ruĝaj trianguloj (bildo 4).

Ibn Tulun-Moskeo en Kairo (bildo 1) konstruiĝis 876 ĝis 879 sub Aĥmad Ibn Tulun (835-884). Dum la regado de la mamluka sultano Laĝin (1297-1299) ĝi renoviĝis, kaj aldoniĝis novaj elementoj, interalie minbaro, iu speco de ambono, el kiu la imamo predikas al la publiko.

La minbaro havas sian originon en la tempo de la Profeto Muhamedo. Tiam oni konstruis du ŝtupojn kun seĝo el palmaj trunkoj, por ke la kredantoj povu pli bone vidi la Profeton. Minbaro tiam uziĝis ankaŭ por profanaj celoj, do por administrantoj, regantoj kaj juĝistoj. Unue minbaroj estis moveblaj, sen lukse ornamitaj enirpordo kaj baldakeno.

La minbaro de Ibn Tulun-Moskeo en Kairo el la 13a jarcento estas unu el la plej valoraj kaj grandaj en la mondo. Komence de la 19a jarcento

tiu moskeo, la plej vasta laŭ la areo kaj la plej malnova en Kairo, ne plu funkciis kiel religia kultejo sed estis uzita kiel malriĉulejo, tamen la minbaro altiris la atenton de esploristoj el okcidenta Eŭropo. La minbaro estis riĉege ornamita per lignoskulptaĵoj kaj marketraĵoj, ŝajne senfinaj ornamaĵoj, kiuj kovris la surfacon, ĉefe la panelajn flankojn de la kruta, longa, rekta ŝtuparo.
Ĉirkaŭ 1820 Xavier Pascal Coste (1787-1879), franca inĝeniero kaj arkitekto, kiu estis konata desegnisto kaj pentristo, skizis la lignajn, ankoraŭ bonstatajn ornamaĵojn de la minbaro.
Ĉirkaŭ 1840 la brita arkitekto James William Wild (1814-1892) faris skizon, kiu montris la minbaron nedamaĝitan.
Sed jam ĉirkaŭ 1870 la fotoj de Felix Bonfils montris la mizeran staton de la minbaro, de kiu restis nur „skeleto”. Evidente la tuta moskeo estis jam elrabita.
Inter 1860 kaj 1867 oni formetis la lignajn ornamaĵojn kaj transportis ilin al Eŭropo. Granda nombro de la pompa ligna panelo ekspoziciiĝis en la Pariza Monda Ekspozicio 1867 kiel ekzemplo de la plej gravaj artaĵoj de la egipta arta metio.
Poste multaj fragmentoj venis en diversajn eŭropajn kolektojn. La plej grandajn interligitajn kampojn de la ornamaĵo aĉetis Victoria&Albert Museum en Londono. Tie la komponantoj aranĝiĝis laŭ la skizoj de Xavier Pascal Coste.
La due plej grandan nombron da fragmentoj aĉetis la Imperiestra Aŭstria Komerca Muzeo en Vieno en la jaro 1892. En la jaro 1907 la tuta kolekto de tiu muzeo transpreniĝis de la Imperiestra Aŭstria Muzeo por Arto kaj Industrio - la nuna MAK. Tie la moskea minbara ornamaĵaro inventariiĝis sub la priskribo „Tableau (aranĝo), cirkle ronda (tegita de ruĝa tolo) sur ĝi 33 lignoskulptaĵoj el Kairo. Diametro de la Tableau: 130 cm.”

Laŭ tiu inventara priskribo evidentiĝas, ke la lignofragmentoj estis aranĝitaj en la formo de kompleta fenestrorozo, kvankam tiu **ne estis la originala aranĝo**; tion oni emfazis en la katalogo de la grandega „Ekspozicio de Majstroverkoj de la Mahometana (Islama) Arto” 1910 en Munkeno. Jena kataloga teksto akompanis la ekspoziciitan tiel nomitan „Wiener Tableau”: „Lignomarketraĵoj de predika pupitro. Diametro de la tuta serio 127 cm. Serio de 35 marketraj pecoj de predika pupitro (minbaro), ĉiuj kave skulptitaj, ĉefe kun grimptigoj kun arabeskaj motivoj, kelkloke kun enmetitaj marketraĵoj. **Aranĝo arbitre**.” La „Wiener Tableau” estis muzea objekto, kiu en tiu formo historie neniam ekzistis.
Por la minbaro en Ibn Tulun-Moskeo el 1296, majstroverko el la Mamluka tempo, produktiĝis en serioj ses tipoj de „lignaj elementoj“, kiujn oni muntis sur la portanta latiso.

Adriana Czernin intense okupiĝis pri la strukturo de la tipe araba ornamaĵo, kiu baziĝas sur la severaj reguloj de la geometrio. Tial en la jaro 2014 MAK invitis la artistinon, por ke ŝi inspiru sin studante la „Wiener Tableau”, la fenstroroze aranĝitajn originalajn 700jaraĝajn lignofragmentojn de la minbaro el Ibn Tulun- Moskeo en Kairo. Tiam, en 2014, kiam Czernin kreis la grandformatan krajonan desegnaĵon „Laŭ Ibn-Tulun”, ŝi surprize malkovris, ke ok etaj pecoj ne apartenis al la originala minbaro. Kvar pecoj de „Wiener Tableau” estas fakte kopioj, kaj kvar duonaj randpecoj estas kunigitaj al okangulaj elementoj. La kialo: Laŭ la „spirito de 1910” estu montrataj „perfektaj artefaktoj”, ankaŭ se necesis aldonaĵoj.

En la aktuala ekspozicia aranĝo de Adriana Czernin la pecoj aperas disigitaj por montri la „**arbitran aranĝon**”.

Czernin havis grandan intereson rekonstrui la ornamaĵon en ĝiaj tuteco kaj iama aspekto.
Citaĵo de Adriana Czernin: „Por retrovi la perditon, mi interligis la ekzistantajn punktojn kaj liniojn. Per mia liniilo estiĝis reto plena je ligoj, preskaŭ konspiraj rilatoj.”
Konstruado kaj malkonstruado – obei severajn regulojn, sed ankaŭ trarompi kaj ignori tiajn regulojn – estas la komponantoj de la intensa okupiĝo de Czernin pri la ornamo. Unuflanke Czernin profunde studadas la severajn formojn de la historia objekto; aliflanke ŝi koncentriĝas sur la funkcion de la ornamo kiel portanto de tradicio kaj religio, kaj kiel atentigo pri la transcenda signifo en religia konteksto.
Temoj de la verkaro de Adriana Czernin: La enirado de la individuo en la senlimecon de la ordo, enprofundiĝo en la eŭforio de optika percepto, la funkcio de la ornamo kiel vojo al kontemplado.
Post la ekspozicio oni rekunmetos la „Wiener Tableau” en la ordo de 1907.

Adriana Czernin naskiĝis 1969 en Sofio. Ekde 1990 ŝi vivas kiel artistino en Vieno kaj Rettenegg. 1998 ŝi finis sian studadon de libera grafiko en la Universitato por Aplikita Arto en Vieno. Ŝi famiĝis pro diversaj ekspozicioj en Aŭstrio kaj eksterlande, ekzemple en Sofio, Bazelo kaj Novjorko.

La ekspozicio en MAK, la Muzeo por Aplikita Arto en Vieno, estas vizitebla ĝis la 30a de septembro 2018.

Pliaj informoj: MAK.at/presse

## Prononcoj kaj klarigoj

Czernin [ĉernín]; Minbaro estas ambono en moskeo, kie la imamo staras predikante; Rettenegg [rétenég] en Stirio (aŭstria federacia lando Steiermark) estas montara vilaĝo 120 km sudokcidente de Vieno; MAK = Museum für Angewandte Kunst; Xavier Pascal Coste [ksavié paskál kost]; James William Wild [ĝejms ŭíljem ŭajld]; Felix Bonfils [felíks bofís]; Wiener Tableau [tabló], Viena tabulo; Victoria&Albert Museum = Muzeo Viktória kaj Alberto.



Bildo 1
Ibn Tulun-Moskeo en Kairo. Fonto: Vikipedio



Bildo 2
Fenestrorozo-simila aranĝo de lignaj komponantoj el la minbaro de Ibn Tulun-Moskeo en Kairo, 1296
Kopirajto de la foto MAK/Georg Mayer



Bildo 3
Adriana Czernin, portreto, 2018
Courtesy Galerie Martin Janda, Vieno
Kopirajto de la foto Anna Konrath



Bildo 4
MAK-ekspozicio, 2018
Adriana Czernin. Fragmento
MAK Galerio. Kopirajto de la foto MAK/Georg Mayer

# Dr. Salim Hadžić
# Interview
# Intervjuo



Dr. Salim Hadžić
vor der Moschee im 21. Wiener Gemeindebezirk.
antaŭ la moskeo en la 21a distrikto de Vieno.




Dr. Hadžić (Pfeil), rechts von ihm seine Tochter,
bei der akademischen Feier anlässlich ihrer Sponsion zum Magister.

D-ro Hadžić (montrilo), dekstre de li ties filino,
dum akademia solenaĵo okaze de ŝia magistriniĝo.

# Vorbemerkung

# Antaŭa rimarko

Bei einer Vorlesung im Österreichischen Orient-Institut kam ich mit Dr. Salim Abid Hadžić ins Gespräch. Ich habe ihn um dieses Interview gebeten, weil die Beziehungen zwischen der Esperanto-Gemeinschaft und der islamisch-arabischen Welt noch nicht sehr zahlreich und stark sind.

Meine Frau Mag. Renate Klag und meine Tochter Mag. Irene Klag haben freundlicherweise den esperantosprachigen Teil korrigiert. Ich danke auch Frau Mag. Melanie Payer für Korrekturen im deutschsprachigen Teil.

Dum prelego en Aŭstria Orient-Instituto mi konatiĝis kun d-ro Salim Abid Hadžić [hadĵiĉ]. Mi petis lin pri tiu intervjuo, ĉar la rilatoj inter la esperanta komunumo kaj la islama-araba mondo estas ankoraŭ ne tre multaj kaj fortaj.

Mia edzino mag. Renate Klag kaj mia filino mag. Irene Klag afable korektis la tradukon. Dankon ankaŭ al sinjorino mag. Melanie Payer pro korektoj en la germanlingva parto.

Walter Klag, 2018

# Mag. Walter Klag (K) im Gespräch mit Dr. Salim Abid Hadžić (H).

K: Ich bitte Dich, dass Du dich kurz vorstellst. Bist Du Sunnit oder Schiit?

K: Bonvolu prezenti vin mem. Ĉu vi estas sunaisto aŭ ŝijaisto?

H: Mein Name ist Salim Abid Hadžić. Ich wurde in Hrvati, Gemeinde Srebrenik, Bosnien, geboren. In meinem Geburtsort habe ich die Volksschule besucht und die Hauptschule in Doborovci, Gemeinde Gračanica.

H: Mia nomo estas Salim Abid Hadžić. Mi naskiĝis en Hrvati, komunumo Srebrenik, Bosnio. Tie mi vizitis la elementan lernejon kaj la ĉeflernejon en Doborovci, komunumo Gračanica.

H: An der Gazi Husrev-begova Medresa (das ist seit dem 10. Jahrhundert die Bezeichnung für eine Schule, in der islamische Wissenschaften unterrichtet werden) in Sarajevo maturierte ich im Jahre 1972 mit ausgezeichnetem Erfolg. Der Oberste Rat der Islamischen Glaubensgemeinschaft im damaligen Jugoslawien wollte mich als ihren Stipendiaten in den Sudan schicken, um dort als erster jugoslawischer Student an einer Universität zu studieren. Da mein Bruder im Jahre 1972 Student in Marokko war, war es mein Wunsch, in Europa zu studieren.

H: Mi absolvis la abiturientan ekzamenon en Gazi Husrev-begova Medresa (tio estas lernejo, kie oni instruas islamajn

sciencojn; la nomo devenas el la 10a jarcento) en Sarajevo en la jaro 1972 kun ekscelenta sukceso. La plej supera konsilantaro de la islama komunumo de kredantoj en tiama Jugoslavio volis min sendi kiel la unuan ricevanton de stipendio en la Sudanon, por ke mi tie studu kiel la unua jugoslava studento en universitato. Ĉar mia frato estis tiam studento en Maroko, mi volis studi en Eŭropo.

H: Das Angebot des Obersten Rates der Islamischen Glaubensgemeinschaft in Sarajevo habe ich daher nicht angenommen. Was die Frage anbelangt, ob ich ein Sunnit oder Schiit bin, antworte ich immer: Ich bin ein Muslim der hanafitischen Rechtsschule. Bis zur Aggression gegen Bosnien im Jahre 1992 zählten die Muslime im ehemaligen Jugoslawien zu den Anhängern der hanafitischen Rechtsschulen, die zu den Sunniten gehören. Es ist interessant, dass nicht nur in meinem ehemaligen Heimatland, sondern auf dem ganzen Balkan die Muslime Sunniten sind.

H: Tial mi ne akceptis la oferton de la supera konsilantaro. Se oni demandas min, ĉu mi estas sunaisto aŭ ŝijaisto, mi respondas: Mi estas islamano de la hanafita skolo. Ĝis la agreso kontraŭ Bosnio en la jaro 1992 la islamanoj en tiama Jugoslavio estis hanafitoj, kiuj apartenas al la sunaistoj. Estas interese, ke ne nur en mia hejmlando, sed sur la tuta Balkano la islamanoj estas sunaistoj.

H: Erst während der Aggression der Serben und Kroaten gegen Bosnien kamen die Brüder und Schwestern anderer Rechtsschulen, d.h. die Schiiten oder Wahabiten nach Bosnien. Aber es gibt keinen Unterschied im Prinzip des

Glaubens zwischen Sunniten und Schiiten. Der Unterschied besteht nur in der weltlichen Weltanschauung. Ich bin ein Sunnit.

H: Nur dum la agreso de Serbio kaj Kroatio kontraŭ Bosnio venis ali-kredantaj islamanoj, tio estas ŝijaistoj aŭ vahabitoj, al Bosnio. Principe ne estas diferenco en la kredo de sunaisto kaj ŝijaisto. La diferenco estas nur la sekulara mondkoncepto. Mi mem estas sunaisto.

K: Wann und warum kamst Du nach Österreich?

K: Kiam kaj kial vi venis al Aŭstrio?

H: Auf Vorschlag von Prof. Husein Đozo, des Beraters des damaligen Reis ul-ulema Sulejman efendi Kemura im damaligen Jugoslawien, in Wien als Imam im Moslemischen Sozialdienst zu wirken und an der Wiener Universität zu studieren, habe ich den Reis ul-ulema Kemura gebeten, mir das Dekret auszustellen, damit ich offiziell als Imam im Moslemischen Sozialdienst tätig sein darf.

H: Laŭ propono de profesoro Husein Đozo [djozo], la konsilanto de la tiama Reis ul-ulema Sulejman efendi Kemura en tiama Jugoslavio, ke mi laboru kiel imamo en la Islama Sociala Servo kaj studu en la Universitato de Vieno, mi petis Reis ul-ulema Kemura pri la koncerna dekreto, por ke mi povos oficiale labori kiel imamo en la Islama Sociala Servo.

H: Er kam meinem Wunsch nach und stellte mir das Dekret aus. Im Februar 1973 kam ich als Imam nach Wien. Mit meiner Ernennung war ich der erste delegierte Imam, der außerhalb

der Grenzen des damaligen Jugoslawien den Imam-Dienst in einer islamischen Institution ausüben durfte.

H: Li skribis la dekreton laŭ mia peto. En februaro 1973 mi venis al Vieno kiel la unua delegita imamo, kiu rajtas deĵori en islama institucio ekstere de la limoj de tiama Jugoslavio.

H: Der Moslemische Sozialdienst war der einzige Verein, der für die Muslime in Österreich zuständig war.

H: La Islama Sociala Servo estis la sola asocio, kiu estis respondeca por islamanoj en Aŭstrio.

H: Im Wintersemester 1974/75 inskribierte ich an der Universität Wien. Ich studierte dort Orientalistik, Philosophie, Slawistik, Pädagogik, und am Katholischen Institut vergleichende Religionswissenschaft. Meine Dissertation behandelt das Thema Dschihad.

H: En la vintra semestro 1974/75 mi ekstudis orientistikon, filozofion, slavistikon, pedagogion en la Universitato de Vieno, kaj en la Katolika Instituto komparan religi-sciencon. La temo de mia disertacio estis „Ĝihado“.

H: Somit ist mein Wunsch in Europa zu studieren, Gott sei Dank, in Erfüllung gegangen. Ich habe mein Studium in Wien begonnen und mit der Promotion zum Doktor der Philosophie abgeschlossen.

H: Danke al Dio mia deziro – studi en Eŭropo – plenumiĝis. Mi iĝis per promocio doktoro de la filozofio.

K: Seit wann ist die Glaubensgemeinschaft in Österreich anerkannt und wie war der Weg bis zur Anerkennung?

K: Ekde kiam la Islama Asocio de Kredantoj estas oficiala en Aŭstrio kaj kiel estis la vojo al tiu agnosko?

H: Die Anerkennung der Ersten Islamischen Glaubensgemeinschaft in Österreich (Abkürzung IGGiÖ) war während der Regierungszeit Kreisky am 2. Mai 1979. Der Weg bis zur Anerkennung war sehr schwierig und kostete dem Verein Zeit, aber auch Geld für die Übersetzungen der verschiedenen Dokumente, die für die Anerkennung benötigt wurden.

H: La agnosko de la Unua Islama Asocio de Kredantoj okazis la 2an de majo 1979 dum la regado de la kabineto Kreisky [krajski]. La vojo al tiu sukceso estis malfacilega, tre temporaba kaj multekosta pro la traduko de diversaj necesaj dokumentoj.

K: Welche Vorteile haben die Muslime von der Anerkennung der Islamischen Glaubensgemeinschaft?

K: Kiujn avantaĝojn havas la islamanoj sekve de la agnosko de la islama kredkomunumo?

H: Mit der Anerkennung der Islamischen Glaubens-gemeinschaft gibt es verschiedenen Vorteile, die die Muslime erhalten haben, wie zum Beispiel der Religionsunterricht in der Schule, Begünstigungen gemäß dem Rundfunkgesetz, Zivilgesetz, Erbschafts- und Schenkungssteuergesetz und so weiter.

H: La sekvoj estis multaj avantaĝoj, ekzemple la instruado de la religio en lernejoj, pli bona stato laŭ diversaj leĝoj, heredoj, donacoj kaj radiofona leĝo, civila leĝo.

K: Wie viele Moscheen gibt es in ganz Österreich? Wie viele bekennen sich zum Islam?

K: Kiom da moskeoj estas en Aŭstrio? Kiom da konfesantaj islamanoj vivas en Aŭstrio?

H: Eine exakte Zahl zu nennen, wie viele Muslimen heute in Österreich leben, ist nicht leicht, weil im Jahre 2001 zum letzten Mal eine Volkszählung mit Fragebogen durchgeführt wurde.

H: Ekzaktan nombron oni ne scias, ĉar en la jaro 2001 okazis la lasta enketado tiurilata per enketilo.

H: Nach der Tageszeitung „Die Presse" vom 13. April 2017 sind von den insgesamt 8 774 786 in Österreich lebenden Menschen 700 000 Muslime, das sind 8 Prozent der Bevölkerung. In ganz Österreich gibt es nur vier Moscheen mit Minarett.

H: Laŭ la gazeto „Die Presse" de la 13a de aprilo 2017 estas 700 mil islamanoj en Aŭstrio, kie vivas 8 774 786 personoj. La islamanoj estas 8 elcentoj de la aŭstria loĝantaro. En Aŭstrio ekzistas nur kvar moskeoj kun minareto.

H: Die erste Moschee wurde im 21. Bezirk im Jahre 1979 eröffnet. Die anderen drei Moscheen sind in Saalfelden (Salzburg; eröffnet im Jahre 2002) Telfs (Tirol; eröffnet im Jahre 2005) und Bad Vöslau (Niederösterreich; eröffnet im Jahre 2009). Was die Gebetshäuser anbelangt, so rechnet man mit über 260 in ganz Österreich. Allein in Wien gibt es 94 Gebetshäuser.

H: La unua moskeo malfermiĝis en la jaro 1979 en la 21a distrikto de Vieno. Sekvis tri pliaj en la aliaj federaciaj landoj: Saalfelden (Salcburgo; 2002), Telfs (Tirolo; 2005), Bad Vöslau (Suba Aŭstrio; 2009). En Vieno estas 94 preĝejoj, en tuta Aŭstrio estas pli ol 260.

K: Seit wann findet der Islamische Religionsunterricht an den Schulen statt?

K: Ekde kiam okazas la islama religia instruado en publikaj lernejoj?

H: Der Islamische Religionsunterricht läuft in den öffentlichen Schulen seit dem 14. Juni 1982. Ab dem Schuljahr 1982/83 hat sich die Zahl der Schüler und Schülerinnen vergrößert, damit auch die Zahl der Schulen mit dem Angebot des Islamischen Religionsunterrichts.

H: Ekde la 14a de junio 1982 okazas la islama religia instruado en publikaj lernejoj. Ekde la instrua jaro 1982/83 kreskas la nombro de la gelernantoj kaj paralele kreskas la nombro de la lernejoj, en kiuj oni povas viziti la religian instruadon.

K: Was verstehst Du unter Integration?

K: Kio estas integrado por vi?

H: Was heißt eigentlich Integration? Wenn man unter Integration meint, die Sprache und die Kultur des Landes zu lernen, dann glaube ich, dass kein einziger Muslim dies ablehnen wird.

H: Kion signifas integrado? Se temas pri la lernado de lingvo kaj kulturo de la koncerna lando, tiam mi opinias, ke neniu islamano estas kontraŭ tio.

H: Ich habe aber den Eindruck, dass man mit Muslimen in Europa so umgehen will, wie man im 19. Jahrhundert mit Migranten und Migrantinnen in den USA umgegangen ist, wenn man von Integration spricht. Was geschah nämlich damals in den USA mit Migrantinnen und Migranten? Sie wurden bei ihrer Ankunft durch eine Schleuse geführt, wo sie ihre Kleidung ablegten und als Amerikaner gekleidet am anderen Ende herauskamen.

H: Sed mi havas la impreson, ke oni volas trakti la geislamanojn tiel, kiel oni procedis kun gemigrantoj en Usono dum la 19a jarcento, se oni parolas pri integrado. Tiam oni devigis ilin iri tra kluzo, kie ili devis demeti siajn vestojn, kaj ili elvenis vestitaj kiel usonanoj.

H: Dieser Umgang ist natürlich ein Vorgang der Assimilation, das heißt vollständige Anpassung. Die Verantwortlichen für Integration wissen wahrscheinlich noch nicht, dass man heute nicht mehr auf dieselbe Art Österreicher oder Österreicherin sein kann wie früher.

H: Tio estas asimilada procedo, kio signifas totala konformigo. La respondeculoj por integrado verŝajne ankoraŭ ne scias, ke hodiaŭ oni ne povas esti aŭstro en la sama maniero kiel en la pasinta epoko.

H: Wir sollten uns bewusst sein, dass jede Identität und jede Religion heute neben anderen steht. Jemand sagte einmal,

Integration ist das Wissen um die Vielfalt, die sich in jeden von uns einschreibt. Wir leben die Vielfalt. Und das verstehe ich unter Integration.

H: Ni estu konsciaj, ke hodiaŭ ĉiu identeco kaj religio staras apud la alia. Iu iam diris, ke integrado estas la scio pri la diverseco, kiu estas eco en ĉiu el ni. Ni praktikas la diversecon. Tio estas por mi integrado.

K: Wie fühlst Du Dich, wenn Du hörst oder liest, dass die Muslime in Österreich beziehungsweise in der Europäischen Union nicht integrierbar sind?

K: Kiel vi sentas vin, se vi aŭdas aŭ legas, ke la islamanoj en Aŭstrio respektive en la Eŭropa Unio ne estas integreblaj?

H: Ich fühle mich nicht glücklich, weil man dabei keine Erklärung hört, was die Politiker meinen, wenn sie sagen, die Muslime und Musliminnen seien nicht integrierbar. Bis jetzt habe ich von keinem Politiker und keiner Politikerin gehört, wenn er oder sie über die Integration der Muslime im Lande spricht, was er oder sie damit meint.

H: Mi sentas min ne feliĉa, ĉar oni ne aŭdas klarigon, kion gepolitikistoj celas, se ili asertas, ke geislamanoj ne estus integreblaj. Ĝis nun mi aŭdis de neniu politikisto, se li parolas pri integrado de la islamanoj, kion li volas diri.

H: Wenn man unter Integration meint, die Sprache und die Kultur des jeweiligen Landes zu lernen, dann glaube ich, dass jeder Muslim das akzeptieren wird. Der Muslim oder die Muslimin ist sich der Worte des Propheten Muhammed bewusst, Friede sei mit Ihm, der sagte: „Weisheit ist das

verlorene Gut des Gläubigen, deshalb verdient er mehr als irgend jemand anderer, sie zu haben, wo immer er sie auch findet”.

H: Se integrado signifas la lernadon de lingvo kaj kulturo de la koncerna lando, tiam mi opinias, ke ĉiu islamano akceptos tion. La islamano kaj la islamanino konas la vortojn de la profeto Mohamedo - paco estu kun Li - , kiu diris, ke „la saĝeco estas la perdita valoro de ĉiu kredanto; tial li meritas pli ol iu ajn alia havi ĝin, kie ajn li trovas ĝin.

H: Wenn man aber unter Integration meint, keinen Bezug mehr zur Kultur und zur Herkunft seiner Eltern zu haben, dann handelt es nicht mehr um Integration, sondern um Assimilation, weil der Islam in der Kultur verwurzelt ist. In einer Multikulti-Gesellschaft leben heißt: Die Vielfalt hält Einzug in jede Religion und in jede Identität.

H: Se integrado signifas perdo de la rilato al la kulturo kaj la deveno de la gepatroj, tiam temas ne pri integrado, sed pri asimilado, ĉar la Islamo radikas en la kulturo. Vivi en multkultura socio signifas, ke la plureco eniras en ĉiun religion kaj identecon.

K: Jetzt gibt es die große Debatte über das Kopftuchverbot. Was lehrt der Islam tatsächlich über das Tragen des Kopftuchs?

K: Aktuale okazas granda debato pri la malpermeso porti kaptukon. Kion fakte instruas Islamo pri la portado de kaptuko?

H: Das Kopftuch zu tragen ist die Pflicht jeder Schwester im Islam ab der Volljährigkeit. Vorschriften des Kur’an sind für alle Anhänger des Islam verpflichtend für alle Zeiten und Orte. Die Frauen des Propheten Muhammed, Friede sei mit Ihm, trugen im öffentlichen Leben ein Kopftuch. Jeder, der den Kur’an auf Arabisch lesen kann, findet in der Sure 24, Vers 31[1], das Wort „khumur“ (Plural von Singular „khimar“).

H: Porti kaptuko estas devo por ĉiu islamanino ekde la adolteco. Ordonoj de Korano estas devigaj por ĉiuj tempoj kaj lokoj. La edzinoj de la profeto Mohamedo - paco estu kun li - portis kaptukon en la publika vivo. Ĉiu, kiu povas legi la Koranon en la araba, trovas en surao 24, verso 31[2], la vorton „khumur“ (pluralo de la singularo „khimar“).

H: Der deutsche Orientalist Hans Wehr übersetzt in seinem Werk Arabisches Wörterbuch für die Schriftsprache der Gegenwart, dieses Wort als „Kopf- und Gesichtsschleier der Frau“. Muhammad Asad, Österreicher, Diplomat, islamischer Gelehrter und Kur’an-Übersetzer übersetzt den obigen Vers wie folgt: „ … sollen sie ihre Kopfbedeckungen über ihre Busen ziehen …“.

H: La germana orientalisto Hans Wehr [ver] tradukas en sia verko „Araba Vortaro por la Skribita Lingvo de la Nuntempo“ tiun vorton kiel „kapa kaj vizaĝa vualo de la virino“. Muhammad Asad, aŭstro, diplomato, islama erudito kaj

---

[1] Die Nummerierungen des arabischen Originals und der Übersetzungen stimmen nicht immer überein.

[2] La numeradoj de la araba originalo kaj de la tradukoj estas ne ĉiam la samaj.

tradukinto de la Korano, tradukas la supran verson tiel: „Ili tiru sian kapkovraĵon trans sian bruston“.

H: In der Kur'an-Übersetzung von Scheich Abdullah as-Samit, Frank Bubenheim und Dr. Nadeem Elyas steht bei diesem Vers: „ … und sie sollen ihre Kopftücher auf den Brustschlitz ihres Gewandes schlagen …“. Dem zitierten Vers nach ist die Bedeckung des Kopfes eine persönliche Pflicht für jede Frau.

H: En la traduko de Ŝejko Abdullah as-Samit, Frank Bubenheim kaj d-ro Nadeem Elyas oni legas: „ ... kaj ili metu siajn kaptukojn sur la brustan fendon de sia vesto ...“. Laŭ la citita verso la kovrado de la kapo estas persona devo por ĉiu virino.

H: Unter den vielen islamischen Theologen, die diese Meinung - dass die Frau auch in der Öffentlichkeit ein Kopftuch tragen soll - vertreten, erwähne ich hier den bosnischen Theologen Husein Đozo, der den Mut hatte, obwohl er unter dem kommunistischen Regime im damaligen Jugoslawien lebte, sich über die Bedeckung der Frau auf der Straße im Sinne des erwähnten Kur'an-Verses zu äußern: Er sagte, dass die „Frau auf der Straße sein soll, wie im obligatorischen Gebet“. Während des obligatorischen Gebets muss die Frau alles bedecken, außer das Gesicht, die Hände und die Füße bis zu den Knöcheln.

H: Unu el la multaj islamaj teologoj, kiuj tiel opinias, estis la bosna teologo Husein Đozo [húsein djozo]. Kvankam li vivis sub la komunisma reĝimo en tiama Jugoslavio, li havis la kuraĝon publike paroli pri la vesto de la virino sur la strato, laŭ la menciita Korana verso. Li diris, ke „virino sur la strato estu same vestita kiel dum la deviga preĝado”. Dum la deviga preĝo

la virino devas ĉion kovri krom vizaĝon, manojn kaj la piedojn ĝis la maleoloj.

K: Wie denkst Du über die Trennung von Religion (Kirche) und Staat?

K: Kiel vi pensas pri la apartigo de religio (eklezio) kaj ŝtato?

H: Dem Islam wirft man vor, er kenne keine Trennung zwischen Religion und Politik. Erinnern wir uns aber an die Zeit des US-Präsidenten Ronald Reagan, der in seinem Wahlkampf immer wieder betonte, dass „Religion und Politik eine Einheit“ sind. Diesem zufolge sagt auch der Muslim: Islam und Politik sind eine Einheit.

H: Oni riproĉas la Islamon, ke ĝi ne konas apartigon inter religio kaj politiko. Ni memoru la eraon de la usona prezidento Ronald Reagan [regen], kiu dum la elektada kampanjo ĉiam denove akcentis, ke „religio kaj politiko estas unueco“. Sekve ankaŭ la islamano diras: „Islamo kaj politiko estas unueco“.

H: Religion ist für einen Muslim keine Privatsache. Für den praktizierenden Muslim regelt der edle Kur’an alle religiösen, privaten und staatlichen Bereiche. Alle gläubigen Menschen sind verpflichtet, sich für Gerechtigkeit und Frieden einzusetzen. Wollen die Muslime tatsächlich dem kur’anischen Vers folgen und „Statthalter Allahs auf Erden“ sein, tragen sie eine besondere Verpflichtung für sich, ihre Mitmenschen und für die Gemeinschaft.

H: Por islamano religio ne estas privata afero. Por la praktikanta islamano la Nobla Korano regulas ĉiujn religiajn, privatajn kaj ŝtatajn aferojn. Ĉiuj kredantoj estas divigitaj aktivi

por justeco kaj paco. Se la islamanoj fakte volas sekvi la Koranan verson, tiam ili havas apartan devigon por si, siaj proksimuloj kaj la komunumo.

H: Der westliche Mensch kann sich alles erlauben, ja den anderen vorschreiben, nach seinem westlichen Muster zu leben: „Alle anderen Arten der Lebensweise entsprechen nicht meinem westlichen Geschmack und müssen aus dem praktischen Leben des anderen verschwinden. Nur meine westlichen Werte sind Maßstab für Freiheit und Gerechtigkeit.“ Der westliche Mensch kennt den Islam nicht und weiß deshalb nicht, dass in der Funktion des Propheten Muhammed, Friede sei mit Ihm, das „Sakrale“ und das „Profane“ vereint waren.

H: La okcidenta homo povas permesi al si ĉion, eĉ preskribi, ke aliaj vivu laŭ la okcidenta maniero: „Ĉiuj aliaj vivmanieroj ne konvenas al mia okcidenta gusto kaj malaperu el la praktika vivo de la alia. Nur miaj okcidentaj valoroj estas normo por libereco kaj justeco.“ La okcidenta homo ne konas la Islamon kaj tial ne scias, ke en la funkcio de la Profeto Mohamedo – paco estu kun Li – estis unuigita la sakralo kaj la profano.

H: Er war Vorbeter der Gemeinde, aber auch an der Spitze des islamischen Staats. Im Islam sind Religion (din) und Staat (dawla) untrennbar. Der Islam ist wirklich unteilbar: Der Glaube, das Recht, die Ethik (ahlak) und so weiter bilden ein unlösbares Ganzes.

H: Li estis imamo de la komunumo, sed ankaŭ je la pinto de la islama ŝtato. En Islamo religio (din) kaj ŝtato (dawla) estas

